# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

29a jaro | MAJO-JUNIO 1977 | N-ro 3




*LKK-Prezidanto s-ro Barks dum la Solena Malfermo.*

*Foto FFEA.*




# REZOLUCIO

La 29-a Kongreso de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF), okazinta en Swanwick (Britio) kun 346 partoprenantoj el 17 landoj,

**konstatas,** ke internaciaj organizaĵoj subtaksas aŭ toleras en sia laboro la malfacilaĵojn de la interkompreniĝo, precipe en internaciaj konferencoj kaj kunvenoj;

**rimarkigas,** ke ankaŭ la fervojoj, fervojistaj organizaĵoj kaj sindikatoj sekvas samajn maloportunajn principojn aplikante lingvojn de potencaj ŝtatoj, samtempe diskriminante la homojn el landoj, kies lingvoj ne estas vaste uzataj;

**denove akcentas,** ke pro nacia prestiĝo neniu lingvobloko pretos apliki la lingvon de alia nacio aŭ lingvobloko;

**ripetas,** ke ĝuste nun la fervojaj entreprenoj, fervojistaj organizaĵoj kaj sindikatoj ekkonu kaj utiligu al si ĉiun ŝancon por redukti la enormajn elspezojn por la interpretista kaj traduka servoj;

**substrekas,** ke helpe de komuna, facila, esprikapabla, **neŭtrala** lingvo la forigo de la lingvaj malfacilaĵoj post relative mallonga tempo estus realigebla;

**sugestas** por atingi tiun ĉi celon apliki la **ĉiuflanke elprovitan** internacian lingvon Esperanto, La Internacia Fervojista Esperanto Federacio ofertas tiucele sian subtenon.

Por la IFEF-prezidantaro

Swanwick en majo 1977. J. Giessner

---

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO

**Sekretariejo:** E. Kruse, Wienerstr. 121, D-6000 Frankfurt/Main 70 - GERMANIO
**Redaktoro:** Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
**Bankkonto:** Provinsbanken, konto n-ro 7353-350550 - DK 9800 - Hjørring - DANIO

# PLENKUNSIDO (PUBLIKA)
## 17an kaj 18an de majo 1977

1. **Pr** malfermas kaj donas kelkajn informojn pri decidoj el la unua kunsido: nova Ĉk = de Sutter (B), honorigoj de Barks, Gimelli, Labordus kaj Rebiček. La oficialaj ciferoj pri la kongreso estas 346 kongresanoj el 17 landoj.
Sekvas la konstato de la mandatoj. Ĉeestas 23 k-anoj kaj 3 observantoj.

2. **Sk** laŭtlegas la alvenintajn leterojn kaj telegramojn.
**Pr** raportas pri la momenta stato en diversaj landoj.
a) **Polio.** Post klopodoj en UK Ateno flanke de d-ro Phersy kaj Greutert sen konstatebla rezulto fine ekestis korespondado inter Pr kaj la nova prezidanto de PEA. Rezultoj ĝisnunaj:
– la malnovaj ŝuldoj 1974/1975 pagitaj
– PEA organizis enketon por konstati, kie ekzistas fervojistoj esperantistaj
– PEA nomumis novan respondeculon pri fervojistaj aferoj
– PEA invitis PR al fervojista renkontiĝo. Pr akceptis.

b) **Ĉeĥoslovakio.** Evidente okazis internaj ŝanĝoj. Momente ne ekzistas prezidanto. Ĝis la venonta jarkunveno provizore gvidas inĝ. Kovář.

c) **Rumanio.** Venis kelkaj informoj kvankam pli malpli pri nefervojistaj aferoj. Tamen almenaŭ la espero revidi ilin kreskis.

d) **Bulgario.** Novaj komplikaĵoj, la bulgara registaro malpermesis la membrecon ĉe IFEF. Ĝisnuna korespondado ne donis rezultojn. La estraro provos trovi taŭgan solvon.

La raporto pri la stato en tiu kvar landoj parte estas iom senesperiga. Ni nur povas esperi, ke tiu evoluo en ne tro malproksima tempo ŝanĝiĝos. Ni mem apenaŭ povas ĝin influi. Sed ni ne skribe raportos pri tiuj aferoj.

e) **Japanio. Sk**: Eble venos 2 - 3 japanaj kolegoj al la 30a IFEF-kongreso en Romo. Ni intencas fari por ili vojaĝprogramon. Bonvolu anonci al mi ĝis **plej malfrue fino de oktobro**, kiu deziras akcepti japanan kolegon. Kompreneble ĉiu membro (kiu kapablas paroli Esperanton) rajtas fari tian anoncon. Temas pri restado, ne pri vojaĝkostoj.

3. **Raportoj estraraj**
3.1 **de sekretariino** estas akceptita per 23 voĉoj;
3.2 **de redaktoro**
**Ritterspach (D)** sugestas, ke sub la bildoj en IF estu ĉiam subskribo.
**v.d. Schulp (NL)** deklaras, ke ne estas grupo de SAT, sed nur Esperantistoj, kiuj laboras por la ekspedado de IF.
**VP** klarigas, ke komence estis plendoj, kiuj tamen nun ne plu ekzistas, kaj ne estis kulpo de la kunlaborantoj.
**Pr** Korekto aperos en IF.
**Gimenez (E)** petas pli klare kaj korekte skribi adresojn sur la pakaĵoj.
**Labordus (NL)** deziras nun trakti la sesan kongresproponon, kiu fakte ne estas kongrespropono, sed kritiko de la redaktora laboro. Estraro kaj k-o konsentas. **Pr** laŭtlegas la tekston.
En la diskutado partoprenas Coyac (F), Labordus, Rd, de Sutter (B), Engen (N), Gössl (A), Pr, Walder (CH).
Decido: konservi la rubrikon "Gravaj enhavaĵoj". Rd tamen estas petata, atingi ĉe la presisto, ke li apliku por tiu ĉi rubriko pli malgrandajn literojn.
La redaktora raporto estas akceptita per 23 voĉoj.

3.3 **Kasista raporto**
**Ks** donas kelkajn klarigojn.
**Labordus** demandas, kie troviĝas la elspezoj por SAT.
**Ks** ne sufiĉe frue pagis la kotizon al SAT. Faris tion nur en 1977.
**Pr** Necesaj korektoj pri la membronombroj aperis en IF 2/77.
La raporto prezentas deficiton, la budĝeto same. Tion ni antaŭvidis antaŭ jaroj, kiam ni plialtigis la kotizon, por unue kolekti kapitalon, kiun ni nun parte foruzas ĝis kiam necesos denove plialtigi la kotizon, evoluo ne evitebla.
**Labordus** demandas, ĉu oni jam povas antaŭvidi la amplekson de la kotizaltigo?
**Pr** petas lin kaj Ĉk komune prezenti koncernan proponon sub pkt. 13. Post diversaj klarigoj la k-o akceptas la kasistan raporton per 23 voĉoj.

3.4 **Protokolo Skelleftea**
**Labordus** deziras nun pritrakti la okan kongresproponon, kiu fakte estas kritiko de la protokolo. Estraro kaj k-o konsentas.
**Pr** substrekas, ke li povas kompreni la kritikon en tiu rilato, ke povas esti la impreso kvazaŭ Ĉk Greutert estas citita, kvankam li mem ne parolis en tiu punkto de la plenkunsido. Oni do povus principe rekomendi la akcepton. Tamen estas kelkaj faktoj, kiuj pro dokumentaj kaŭzoj estu en la teksto. Pro tio la estraro kunmetis alternativan tekston surbaze de la propono Greutert, kiun ĝi prezentas al la k-o. Post diskuto la k-o akceptas la protokolon Skelleftea, decidas forstreki ties tekston pri kongrespropono 5 (IF 3/76 p. 33) kaj anstataŭi ĝin per la teksto prezentita de la estraro. Tiel akceptita per 23 voĉoj.
Jen la anstataŭa teksto:

**"Propono 5**
**Pr** ankoraŭfoje klarigas koncize la situacion ekkoneblan el la propono mem.
**Ĉk** nenion deziras aldoni.
**Pr** informas la ĉeestantojn, ke la komitato jam detale pritraktis tiun aferon. La abunda korespondado kondukis ĝis nun al nenio, ĉar la polaj adresitoj apenaŭ aŭ tute ne respondas, precipe s-ro Swistak, PEA. La ĝisnuna IFEF-komitatano Nawrowski redonis sian oficon fine de 1975. PEA jam pli frue anoncis iun inĝ. Michalski en Varsovio kiel respondeculon por la polaj fervojistoj en PEA. Sed nenio okazis. Ankaŭ Pr kune kun d-ro Bácskai jam antaŭ 2 jaroj intencis esplori la situacion. Mankas ankoraŭ la kotizoj de 1974 kaj 1975 spite al multnombraj admonoj kaj spite al skriba promeso de Michalski. Tamen niaj polaj membroj pagis ĉiujn tiujn kotizojn al PEA, kiuj konsekvence estas kaj restas propraĵo de IFEF. Evidente temas pri novstrukturigo laŭ nun validaj polaj leĝoj.

Praktike la ĝisnuna pola landa asocio ne plu ekzistas. Laŭ statuto § 10 (2) kaj al (1) la komitato nun devas esplori la situacion. En la korespondado ni atentigis la polajn adresitojn, ke IFEF sub tiaj kondiĉoj devos eksigi sian polan landan asocion. La estraro rekomendas al la komitato, konsenti tian eksigon. Estas memkompreneble, ke IFEF akceptos aliĝpeton de nova pola landa asocio, se ĝi plenumos ĉiujn respektivajn preskribojn de nia statuto.

Cetere la agmaniero de Swistak, kiu ne nur estas prezidanto de PEA, sed ankaŭ estrarano de UEA, kontraŭas la daŭrajn oficialajn klopodojn de UEA, pliintensigi la rilatojn kaj kunlaboron kun la fakaj asocioj (do ankaŭ kun IFEF)."

**Narvala (SF)** akcentas, ke nia agado ne sin direktas kontraŭ la polaj kolegoj, sed instigu la polajn instancojn agi.

---

UTILIGU LA KONGRESAN REZOLUCION!

---

4. **Raporto revizoroj**
Kensing (DK) raportas. Evidentiĝas, ke la revizoroj ĉion trovis en bona ordo. Akceptita 22 por, 1 sindetenas.
**Walder (CH)** kritikas, ke la revizora raporto sekvas post la kasista. Devus esti kontraŭa vico. Tiu ĉi propono estos konsiderata estontece.

5. **Raporto pri komitata laboro**
Nek estas sendita tia raporto nek iu ĉeestanto havas komision de la ĝisnuna Ĉk raporti. Sekve ne eblas raporti.
**Pr** substrekas la longjaran fruktodonan kunlaboradon de la ĝisnuna Ĉk Greutert, kiu ofte ankaŭ kiel gasto en estrarkunsidoj per siaj argumentoj kaj sugestoj valore kontribuis al positiva agado por la federacio. Li faris multon ekstere de sia administra laboro kiel Ĉk, ekz. en la pola afero. S-ro Greutert meritas la dankon de ni ĉiuj kaj ni esperu, ke li iam retrovos la vojon al nova kunlaboro (aplaŭdo).

6. **Resumo de raportoj landaj asocioj**
**Vp** laŭtlegas la tekston (ĝi aperos en IF).
**Pr** kore dankas pro tiu ĉiam abunda laboro.

7. **Kontaktkunveno kaj fakprelego Islando 1977** kaj evtl. 1978. Antaŭvideble estos kelkaj IFEF-anoj en Islando. Pri la gvidado de kontaktkunveno la estraro ankoraŭ korespondos kun d-ro Phersy. Fakprelego ne okazos. Kaze ke d-ro Phersy ne partoprenos en UK, la gvidado estas komisiita al s-ro Walder.

8. **Rilatoj al aliaj organizaĵoj**

8.1 **Pr:** IFEF estas la plej forta aliĝinta faka asocio de **UEA** kun rajto je propra k-ano A. Ni regule liveras raportojn, ekz. por la jarlibro. Tiujn raportojn kaj la plej grandan parton de la korespondado faras la estraro, ne la k-ano A.

8.2 **FISAIC:** Niaj klopodoj havi kelkajn administraciajn plifaciligojn rilate al la medalo-peto ne havis sukceson. FISAIC gluas ĉe siaj burokrataj leĝoj. Momentaj internaj malfacilaĵoj de FISAIC ne tiom tuŝas IFEF, sed nian belgan asocion, espereble ne tro longe.

8.3 **Intercontainer:** Tiu ĉi internacia organizaĵo eldonis belegan prospekton en Esperanto pri tiu grava branĉo de la fervoja transporto. Instigis ĝin kolego Sredič (YU), kiu jam de kelka tempo laboras ĉe Intercontainer. Estas rekomendinde peti la prospekton ĉe jena adreso:

Intercontainer, Hirschgässlein 11, Case Postale 138, CH-4010 Basel.

**Ekstere de la tagordo:**
**Pr:** La estraro nun petas la k-on postkonsenti la spontanean agadon de la estraro, kiun ĝi faris la antaŭan vesperon, nome nomumi d-rinon Marjorie Boulton membro de nia Honora Patrona Komitato. La kaŭzo: plurfoja instruado laŭ Cseh-metodo dum la kongreso, la emociiga, altnivela prelego pri "Zamenhof kaj la fervojo", la eleganta, enhavoriĉa prelego pri "La arto insulti", ŝia longjara subtenado de nia brita kolego Barks en gravaj aferoj publikaj. Ŝi estas d-rino de la universitato Oxford kaj ĝuas altan reputacion en la scienca mondo.
La k-o akceptas unuanime per 23 voĉoj.
**Sk** komunikas, ke d-rino Boulton intencas transdoni ĉiujn ĝis nun aperintajn fakprelegojn al la biblioteko de la universitato Oxford. Bonvolu sendi tuj bonaspektajn prelegojn al mi, por ke mi povu doni la kolektaĵon al d-rino Boulton.

9. **Raportoj de komisionoj kaj komisiitoj**
9.1 ĝis 9.4 Tiuj raportoj aperos en IF.
Voĉdonoj: 9.1 ĝis 9.3 = 22 voĉoj por, 1 sindeteno
9.4 = 23 voĉoj por.

9.5 **Heimlich jr. (D)** ne raportas, sed anoncas proponon de J.S. sub pkt. 11.

9.6 **Koresponda Servo** akceptita per 23 voĉoj.

9.7 **Komitatano A de UEA** d-ro Phersy, akceptita per 22 voĉoj, 1 sindeteno. Evoluiĝas diskutado.
**D-ro Menabene (I)** pledas por pli da interna kunlaborado de fervojistoj en UK.
**Ritterspach (D)** demandas, ĉu IFEF sufiĉe informas UEA resp. la revuon "Esperanto". Ritterspach akceptas la taskon, estonte regule fari raporton pri la IFEF-kongresoj al "Esperanto". (De Sutter jam havas tiun komisionon por "Heroldo").
**Lok (NL)** demandas pri la rezultoj de nia aliĝinta stato en UEA.
**Sk** kaj **Pr** klarigas la staton kaj substrekas la neceson, ke ekzistu unu forta organizaĵo kun sufiĉe da reputacio, kiun organizaĵon ankaŭ ni devas subteni. Tio ne tuŝas nian sendependecon. Pr post sia prezidantiĝo promesis gardi IFEF sendependa. Tio nepre okazos. Niajn proprajn problemojn ni memstare solvis kaj solvos.
**v.d. Schulp (NL)** petas, ke en la plenkunsido la membraro estu informata pri la rilatoj al UEA.
**Pr** liveros informan artikolon por IF.
**de Sutter (B)**: la prezidanto de UEA, d-ro Tonkin, diris en Bruselo, ke IFEF estas la plej aktiva faka organizaĵo de UEA kaj siavice li ankaŭ pretas helpi al IFEF. (Tio fakte okazis ekz. en la pola afero.)

## Daŭrigo de la plenkunsido 18an de majo.

**Mandatkonstato:** Ĉeestas 22 k-anoj kaj 2 observantoj.

Post bonvenigo **Pr** laŭtlegas la nomojn de la mortintoj; la ĉeestantoj starante honorigas ilin dum silenta minuto.

10. **Laborplano**
**Pr** unue dankas kore al ges-roj Haŭge kaj kol. Olsen pro la grandega peno liveri al ni la kongres-bultenojn (aplaŭdo).

**Rezolucio**
Kvankam la tradukoj en la anglan, francan kaj germanan estas faritaj, ne eblas disponigi ilin ĉi-jare en simila kvarpaĝa formo kiel lastjare. Ĉiu interesulo petu la deziritan tradukon ĉe la kasisto, adreso:
Henning Hauge, Tolne Station, DK 9891 Tolne (Danlando).
aŭ hejme traduku ĝin mem.
**Brandenburg (D)** pledas uzi la esprimon "delegitoj" anstataŭ "partoprenantoj".
**Huber (A)** proponas, nur diri la nombron de la landoj.
La k-o akceptas la rezolucian tekston per 22 voĉoj.

11. **Situacio en la Junulara Sekcio**
**Pr** citas la statuton ald I (4) kaj atentigas je la protokolo de Skelleftea 10 (3). Necesas nur decidi pri nova gvidanto kaj entute pri la stato de JS.
**Heimlich jr (D)**. La malmultaj gejunuloj diskutis la situacion. Ili momente ne vidas eblecon por aktiva pluekzistado de la JS kaj intencas provizore nur esti reprezentataj en la kunsidoj per observanto. Ls JS mem oni provizore ripozigu. Quietinsky povos esti la observanto. La restantaj gejunuloj mem zorgu pri revigligo, tiel ke ĉiumomente eblos reaktivigi la JS. Ne necesas ŝanĝoj en la statuto.
La diskutado montras, ke tiun solvon oni rigardas momente la sole eblan.
Voĉdono: 22 por.
Heimlich nun funkcias kiel observanto.

12. **Konfirmo kotizo 1978**
**Pr:** La estraro proponas por 1978 la saman kotizon. Tamen pro la ĉie plialtiĝantaj kostoj oni antaŭvidas plialtigon en 1979. Pr atentigas je la budĝeto 1978, kiu antaŭ-

vidas deficiton. Tio ne estas danĝera, eĉ antaŭvidita, ĉar post kapitalkolekto nun montriĝas la deficitoj.
**Ks** opinias, ke minimume 4 Dkr estos la plialtigo. Tio estas proksimuma sciigo, por ke la l.a. jam sufiĉe frue povu konsideri ĝin.
Akceptita per 22 voĉoj.

13. **Budĝeto 1978**
**Ks** klarigas kelkajn ciferojn el la disponigita budĝeto. Li singarde manipulis la kotizojn pro la momente tre malfavora situacio ĉi-rilata (ekz. Bulgario). l.a. estas enbudĝetita iom pli alta sumo por la diversaj komisionoj sub konto "administrado".
**Walder (CH)** kritikas la altan perdon, nur povus akcepti la duonon de tiu perdo. Atakas precipe la pozicion "Diversaĵoj".
**Pr**: La estraro rajtas fari certajn elspezojn ne enbudĝetigitajn. Kiam ĝi pro iu ajn kaŭzo tial transpasas la limon de la budĝeto, oni riproĉas al la estraro, kio jam okazis. Aŭ ĝi devas adaptiĝi al la budĝeto (okazis iam per limigo de la IF-eldonaĵoj), oni ankaŭ riproĉis. Pro tio estas pli saĝe, krei la eblecon de la elspezoj, sen ke nepre necesas elĉerpi ilin. En diskutado Labordus kaj Walder opinias la perdon tro alta.
**Ks** denove substrekas, ke necesas prezenti la ciferojn en tiu amplekso, ĉar ni kelkfoje ricevis riproĉojn.
**Engen (N)** rekomendas akcepton, ĉar la estraro devas havi iom da libera spaco en la elspezoj. Oni povas fidi al ĝi, ke ĝi ne misuzas tion.
**Rd**: Ĉe IF ni jam ŝparis kostojn (apud la forsendo helpe de nederlandaj fervojistoj) per redukto de la eldonkvanto.
**Pr** klarigas i.a. ke la estraro daŭre multon faris por liberigi IFEF de kostoj (ekz. afrankoj), kiuj estontece tamen estu transprenotaj de IFEF. Kaj la kostoj por la komisionoj kreskos neeviteble.
**Ks**: La budĝeto nepre estu tiel verkita, ke oni ne nur volas, sed ankaŭ povas respekti ĝin.
**Labordus** nun subtenas la opinion de Engen kaj rekomendas akcepton.
**Pr** dankas pro la fruktedona diskutado. Voĉdono: 17 por, 5 sindetenas.

14. **Kongresproponoj**
1.1 Celo estas adaptiĝo al la praktiko (komp. prot. III 13).
Laŭ demandoj Pr sciigas, ke la necesajn statutŝanĝojn ni publicos en IF tiel, ke ĉiu povos eltranĉi ilin por sia propra statuto. Kompreneble la tekstŝanĝo ne tuŝas la rajton de iu ajn fari proponojn.
Voĉdono: 22 por.
1.2 Sen longa diskutado akceptita per 22 voĉoj.
1.3 **Pr** enkondukas la proponon per la memora sciigo, ke Sk lastjare sciigis, ke ŝi ne plu estos reelektebla en 1978. Pro tio la estraro staris antaŭ malfacila situacio kaj faris tiun proponon por povi elĉerpi ĉiun eblecon estontece.
**Sk**: Spite al la farita decido lastjara mi post la demando de Labordus pripensis la situacion kaj deklaras min reelektebla por ankoraŭ unu elektoperiodo (aplaŭdo).
**Pr** dankas pro tiu decido, kio ebligas al la estraro **repreni** la proponon 1.3.
1.4 **Pr** klarigas, ke la celo de tiu propono estas, malhelpi duan voĉdonadon en sama kunsido pri la sama punkto.
Akceptita per 22 voĉoj.
1.5 **Pr** klarigas, ke la celo estas adapti al la praktiko. La revizoroj fakte kontrolas la kason kaj librotenadon, ankaŭ povas kontroli la protokolojn, kiuj same troviĝas ĉe la kasisto, sed ili apenaŭ povas kontroli la "gravajn korespondaĵojn". Sekve nur necesas forstreki la punkton c) kaj la ĝisnuna d) fariĝos c).
Post diskutado la k-o akceptas per 22 voĉoj.
2. Decido, ke ek de nun la Ĉk en ĉiu kongreso konstatas la lokojn kaj datojn de jam konataj landaj aranĝotaj kunvenoj kaj liveras la liston al Rd.
Akceptita per 19 por, 1 sindetenas, 2 mankas.
3. **Pr** rekomendas akcepton, ĉar fakte la elspezoj jam estas enbudĝetitaj.
Akceptita per 22 voĉoj.

4. **Thuesen (DK)** deklaras, ke post legado de la artikolo "Meditado pri honorigoj" en IF 2/77 li rigardas la situacion klare. Pro tio li reprenas la proponon 4.
5. La propono konsistas el 3 partoj.
   **Pr** deklaras pri la punkto a) de la propono, ke laŭ ĝi povas ekesti la impreso, kvazaŭ la estraro ne sufiĉe ofte kaj detale informis la k-anon A. D-ro Bácskai jam skribe konfirmis la fakton, ke la informado ĉiam estis en bona ordo.
   **D-ro Phersy** konstatas la saman.
   Ritterspach estonte sendos kopion de sia raporto por "Esperanto" al la k-ano A.
   b) tiu propono konsideras la kasojn de LKK.
   c) La proponon faris Greutert sen antaŭa kontakto kun k-ano A.
   En longa diskutado montriĝas, ke oni fine rekomendas, maksimume kaj nur en kazo de bezono doni 100 Sfr. Ĉiukaze la propono ŝarĝas la budĝeton. La k-o akceptu la konsekvencojn aŭ malakceptu la proponon. D-ro Phersy konsentas la rekomendon.
   **Pr** korektas la aserton de la iama Ĉk faritan en la komentario al pkt. c).
   La estraranoj kutime fakturas kostojn por unu tagnokto kaj nur por la estrarkunsidoj, kiuj vere postulas 2 tagnoktojn. Por aliaj vojaĝoj, por kiuj la estraranoj ofte donas feriajn tagojn kaj ĉiam siajn liberajn biletojn, ili nur fakturas kostojn por vizoj, kuŝvagonoj kaj eble duonprezaj biletoj, se libera ne plu disponeblas, sed neniam kostoj por tranoktado aŭ manĝaĵoj.
   **Ks** substrekas, ke sub "reprezentado" aperas ekz. donacaĵoj al eminentaj gastoj.
   **Decidoj:** Estraro kaj k-o konstatas, ke la propono a) ne veras.
   Walder reprenas a).
   pri b) voĉdono: 17 kontraŭ, 2 por, 3 sindetenas;
   pri c) kun amendo "maksimume 100 Sfr en kazo de bezono".
   15 por, 4 kontraŭ, 3 sindetenas =akceptita.
6. Propono 6 estas traktita sub 3.2.
7. **Pr** malrekomendas akcepton, ĉar ni bezonas la kompletan protokoltekston pro dokumentado kaj informo de la membraro. Estus duba afero, elekti la "pli gravajn" punktojn por resumo. Krome tio signifus multe da aldona laboro por la protokolanto.
   Voĉdono: 21 kontraŭ, 1 sindeteno.
8. Propono 8 jam traktita sub 3.4.

15. **Elekto de revizoroj**

| | |
|---|---|
| Laŭ propono de Haŭge estas elektataj: | R. Mikkelsen |
| Ĉiuj per 22 voĉoj. | F.G. Nielsen |
| | J. Kensing |
| Vic-revizoro: | H. Voss |

16. La 30a IFEF-kongreso estas invitata al Romo inter la 13a ĝis 20a de majo 1978. Akceptita per 22 voĉoj.
    LKK-prezidanto **d-ro Menabene** prezentas kelkajn jam faritajn preparojn ĉe sindikatoj kaj partioj. 6 diverspartiaj parlamentanoj jam akceptis funkcion en Patrona Komitato. Neniu limigo de partoprenantoj. Krome estas planita postkongreso eble en Napoli aŭ Firenze.
    Por 1979 invitas **Narvala** al Finlando, verŝajne meze de junio en Turku. Akceptita per 21 voĉoj, 1 sindeteno.

    **Skisemajno 1978** okazos en Germanio (11.2. ĝis 18.2.) en Grainaŭ apud Garmisch-Partenkirchen. Pri la lando de la skisemajno en 1979 ankoraŭ ne firme estas decidita.

17. **Eventualaĵoj**
    **Blondeaux (F)** korektas vortojn de Gimelli pri leteroj senditaj al Italio.
    **Lok (NL)** substrekas, ke en la diskuto ne estis intencite kritiki la kunlaboron kun UEA, sed nur peti informojn.

**E. Ritterspach (D)** invitas formale al la Skisemajno en Grainaŭ kaj disponigas aliĝilojn.
**Gimenez (E)** deziras esplori, ĉu presado de IF en Hispanio povus esti avantaĝo. Interrilatas poste kun Rd.

**Olson (DK).** La iniciato por Esperanto-teksto en la internacia eldono de la dana horaro venis de la fervojo mem.
**v.d. Schulp (NL)** ankoraŭfoje revenas al tagordo pkt. 14. Ne plu eblas denove trakti tiun punkton.
**Walder (CH)** memorigas la aerbalonon "Esperanto". Speciale koverto haveblas. La balono estas luebla.
**Gimelli (I)** atentigas je la revuo "Literatura Foiro". Interesuloj turnu sin al li.

Pr fermas la kunvenon.

Frankfurt/M, la 31an de majo 1977.

Sekretariino — Prezidanto

E. Kruse — J. Giessner



*La spontanea honorigo al D-rino Marjorie Boulton.*
(vidu artikolon sur paĝo 42).

*Foto Labordus.*

## NOVA MEMBRO DE HONORA PATRONA KOMITATO

En la 29a IFEF-Kongreso en Swanwick la komitato konsentis unuanime la proponon de la estraro, nomumi sinjorinon doktorinon Marjorie **Boulton** nova membro de la Honora Patrona Komitato de IFEF.

D-rino Boulton jam kontribuis en la kultura programo de la 15a IFEF-Kongreso en Stoke-~~on~~-Trent en 1963 kaj de tiam ofte helpis al la prezidanto de nia brita landa asocio, s-ro Barks. Sed al la 29a kongreso en Swanwick ŝi donis tute specialan noton. Tio komencis jam dimanĉon matene, kiam d-rino Boulton, kiu promociiĝis ĉe la universitato de Oxford, prelegis pri la temo "Zamenhof kaj la fervojo", temo aparte destinita al partoprenantoj de fervojista kongreso. Gravajn staciojn de la Zamenhofa vivo, kiuj iel rilatis al la fervojo, ŝi preterpasigis antaŭ la mensoj de la aŭskultantoj tiel verve, tiel emociige, tiel kortuŝe, ke tiu ĉi matena horo por ĉiam restos en nia memoro.

Poste d-rino Boulton faris duan prelegon pri "La arto insulti", certe tre necesa temo por ĉiu progresinta esperantisto. Ĉar lingvo, kiu ne kapabligas siajn adeptojn purigi siajn animojn per insultoj, ne estas vera lingvo. Spritajn, neĉiutagajn insultojn kompreneble, ne tedajn ordinarajn aĉaĵojn. Estis vera plezuro, aŭskulti tiun elegantan, elokventan prelegon pri temo, neniam tiom elstare traktita en IFEF-kongreso. Ni esperas, ke ni povos publikigi la prelegon en "IF".

Pluran gravegan kontribuaĵon al nia kongreso d-rino Boulton liveris en formo de kelkaj lecionoj por la kongresanoj laŭ la Cseh-metodo. Ŝiaj kato kaj muso ne nur amuzis la multnombrajn personojn venintajn por lerni ion ĉe sia majstrino, sed efektive atingis, ke la lernantoj kvazaŭ "ludante" alproksimiĝis al la celo.

Nelaste ni menciu la plezurigan teatraĵeton "Maneken-parado", verkitan de d-rino Boulton, kiu fariĝis multe aplaŭdita sukceso helpe de kelkaj kuraĝemaj kongres-belulinoj.

Estis por ni spontanea deziro, danki al d-rino Boulton per la menciita honorigo. Ni ligas al tiu danko la esperon, kiel eble plej ofte revidi ŝin en niaj aranĝaĵoj, ĉu internaciaj, ĉu landaj. Kaj eble . . . eĉ iam kaj tiam renkonti ŝin en nia "Internacia Fervojisto".

## GRAVA NOTO DE LA REDAKCIO

Pro manko de spaco ni devis prokrasti jenajn materialojn pri la 29a IFEF-kongreso al la venonta numero:

1. Kongres-raporto (redaktora kontribuaĵo);
2. Protokolo pri la kunsido de Fakprelega Komisiono;
3. Protokolo pri la kunsido de Junulara Sekcio;
4. Raporto de la komisiono Varbado/Informado;
5. Raporto de la Koresponda Servo;
6. Raporto de la gvidanto de la Historio-Komisiono.

# Resumo kaj komentario pri la jarraportoj de la landaj asocioj de INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO pri la jaro 1976

El niaj 19 landaj asocioj 15 ensendis la jarraporton pri la jaro 1976. Mi ne ricevis la raportojn de: Britio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio kaj Jugoslavio. Por la unua fojo mi ricevis raporton de Rumanio kvankam fakte ĝi estas raporto de la Esperanto-klubo Braŝov.

**21. Landaj estraroj, funkciuloj kaj membraro.**
En la landaj estraroj kaj komisionoj ni renkontas multajn konatajn nomojn: ĝenerale oni povas diri ke la estraroj estas ege stabilaj. En kelkaj landoj oni tamen serĉas kapablajn kunlaborantojn por diversaj taskoj.

**21.2.1** La nombroj de la membroj por ĉiu opa lando ne ĉiam egalas al la ciferoj de la kasista raporto. Entute mi nombris 2822 membroj por IFEF (mi aldonis la nombrojn de la landoj kiuj ne raportis kaj de la izolaj kaj adoptitaj membroj). Ni perdis la membrojn en Pollando kaj kelkaj landoj havis regreson. Ĉiam ni ne atingis la nombron 3000!

**23. Rilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatuloj.**

**23.1** En ĉiuj landoj, escepte en Japanio, ekzistas pli aŭ malpli bonaj rilatoj kun la fervojaj instancoj.
Belgio ne estas kontenta pri la rilatoj kaj en Germanio la rilatoj kun plej altaj niveloj ne estas kontentigaj.
Plej ofte la rilatoj ekzistas pere de la landaj FISAIC-sekcioj.

**23.2** Kun sindikatoj la rilatoj estas bonegaj en Germanio, Hispanio, Hungario; en multaj aliaj nur kontentigaj aŭ tute ne (Belgio kaj Japanio).

**23.3** Rilatoj kun la landa FISAIC-sekcio preskaŭ ĉiam estas bonaj, bonegaj, (multe da morala kaj financa apogoj) ili estas en Danlando, Francio, Germanio, Italio, Nederlando kaj Svedio. Apartaj malfacilaĵoj ekzistas en Belgio, espereble nur dumtempa. FISAIC-sekcioj ne ekzistas en Hungario kaj Japanio.

**24. Rilatoj al aliaj Esperanto-organizaĵoj.**
Preskaŭ ĉiuj landoj havas bonajn aŭ bonegajn rilatojn kun la landaj Esperanto-organizaĵoj. Kelkaj estas enkorpigitaj en tiu asocio aŭ korporacia membro (HEFA, GEFA). Kunlaboro ankaŭ ekzistas kun instruistoj kaj poŝtistoj.

**25. Informado.**

**25.1 Kursoj.** Ĉiuj landoj posedas kursojn en la nacia(j) lingvo(j) (Danlando ne respondis la demandon). Kelkaj uzas "Esperanto programita" de Behrmann, kiu estas jam tradukita en diversajn lingvojn.

**25.2.0 Publikigo de gazetartikoloj.**
Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj sukcesis aperigi pli aŭ malpli da artikoloj en fakaj aŭ aliaj gazetoj (bultenoj, revuoj). Nur sen iu sukceso estis Japanio. La plej altan nombron konstatis Svisio: 26.
En Germanio aperis en la porpersonara gazeto akra negativa artikolo sed feliĉe post du monatoj ankaŭ estis presitaj multaj pozitivaj reagoj! Gravaj estas la publikaĵoj en elstara faka revuo kiel "La Vie du Rail".

**25.2.01 Aplikado de la gazetara servo.**
Tute ne utiligis la gazetaran servon: Aŭstrio, Belgio, Japanio kaj Svedio (mi apenaŭ povas supozi ke la raportinto de tiu lasta lando diras la veron!).
La aliaj landoj utiligis ĝin kiel fonto por publikigado de diversaj artikoloj.

**25.2.02 Rimarkoj pri la gazetara servo.**
Nur tri rimarkojn mi notis:
Danlando: la raporto aperu 4 ĝis 5 foje en formato A5 (kial?). Francio kaj Nederlando laŭdas la aperigadon de la kongresaj bultenoj.

**25.2.03 Aplikado de la kongresa rezolucio.**
En kvin landoj oni prenis la penon traduki la tekston en la nacian lingvon. La german- kaj franclingvaj landoj profitis pro la fakto ke ĝi jam estis antaŭtradukita. Multaj landoj publikigis la tekston sed la reagoj ne estis multaj.
La sveda raportinto diras ke en Svedio oni ne utiligis la tekston . . . bedaŭrinde ĉar ĝi estis jam tradukita en la Svedan lingvon!
La svisa raportinto diras ke en Svisio mankis la rezolucia teksto! Nekredeble: la eldonkvanto estis sufiĉe granda kaj neniu svisa kongresano kunportis ekzempleron?

**25.2.1 Publikigo de la faka prelego.**
Nur du landoj (Belgio kaj Svedio) ensendis la petitan tabelon. En kelkaj landoj oni tradukis la fakprelegon aŭ resumon el ĝi: Danlando, Germanio kaj Finnlando. En Danlando en 7 gazetoj aperis la resumo; Germanio sendis la tradukitan fakprelegon al multaj instancoj i.a. al la fakaj lernejoj kaj al fakestroj. En multaj aliaj landoj la fakprelego estis menciita en fakaj revuoj aŭ gazetoj.

**25.2.1.1 Aliaj fakprelegoj.**
Okazis aliaj fakprelegoj en: Finnlando, Hungario (4x) kaj Svislando(3x).

**25.2.2 Agadraportoj al fervojaj instancoj/sindikatoj.**
Estas ĝojige ke preskaŭ ĉiuj landaj asocioj raportas al la koncernaj instancoj. Nur Svedio respondas: ne.
En Hispanio kaj Nederlando oni raportas pere de la landa FISAIC-sekcio. En kelkaj landoj oni ne raportas al la sindikato.

**25.2.3 Informado en la deĵorejoj.**
Preskaŭ ĉiuj diras ke oni propagandas aŭ informas en la deĵorejoj pere de afiŝoj, la normala bulteno aŭ kelkfoje oni posedas specialan informkeston (Aŭstrio) aŭ aperigas murgazeton (Hungario). Tamen ĝenerale oni nur atingas kelkajn deĵorejojn depende de grandeco aŭ aktivaj kunlaborantoj. Germanio dissendis unufoje grandskale (40 mil) informpoŝtkartojn!

**25.4 Agado pere de radio aŭ televido.**
En radio-dissendoj en la landoj Aŭstrio, Germanio, Hispanio (Sabadell) kaj Hungario niaj agadoj estis menciitaj. En Germanio du intervjuoj.
En Nederlando dum televido-intervjuo nia IFEF-kongreso en Svedio estis priparolata.

**25.3 Ekspozicioj.**
Organizis ekspozicioj: Francio, Germanio, Hispanio kaj Italio; ili raportas ke ili estis sukcesplenaj. Krome kunlaboris en ekspozicio(j): Aŭstrio kaj Belgio.

**25.4 Distribuado de varbiloj.**
Preskaŭ ĉiuj landoj iel distribuis propagandan materialon kiel afiŝoj, informiloj, broŝuroj. Nur Belgio, Japanio kaj Norvegio raportas ke ili mem ne disdonis ion. Ege aktivaj estis Francio, Germanio kaj Svisio. Tamen denove ni konstatas ke ekzistas diversaj metodoj por atentigi la kolegojn pri nia laboro. Kia estas la plej efika? Grave estas ke ni restu aktivaj.

**25.5 Jarkunvenoj.**
Ĉiuj raportintoj mencias jarkunvenon sed el ili 4 okazis en la kadro de nacia kongreso (Danlando, Hispanio, Italio kaj Svislando). Belgio kaj Nederlando kunvenis samtempe en unu kadro. Preskaŭ ĉiujn kunvenojn vizitis eksterlandaj gastoj (ne en Finnlando, Hungario, Japanio, Svedio kaj Svislando). La plej granda jarkunveno estis en Germanio (134 partoprenintoj) kaj la plej malgranda en Svedio (krom la estraro 3 vizitintoj).

**26. Junularo.**
Iom de aktiveco nur ekzistas en Germanio en kunlaboro kun GEJ.
La afiŝojn utiligis Francio kaj Italio.

**27. Varbado.**
En la jarraportoj oni ne pritraktis la diversajn varbmetodojn. Nur kelkaj faras rimarkojn, kiuj apartenas en la speciala komisiono.

**28. Terminara laboro.**
Neniu aktiveco okazis en Aŭstrio, Danlando, Italio, Japanio, Norvegio kaj Svisio.
Sed (novan) aktivecon ni salutas en la landoj Belgio, Nederlando kaj Hispanio. Ŝajnas ekesti reviglIĝo sur ĉi tiu tereno: ni konstatas: la regulan aperon de T.K.-kuriero redaktita de kgo. Hartig en Bremen, organizadon de interkongresa T.K.-kunveno en Budapeŝto, preparadon por simila kunveno en Amsterdam.
Okaze de la kongreso en Skelleftea nia sveda asocio sukcesis eldoni la terminareton S - E kaj E - S.
Pri la UIC-leksikono — traduko nun okupiĝas la landoj: Belgio, Finnlando, Francio, Germanio, Hungario, Nederlando, Svedio. Francio esperas eldoni la terminareton en la jaro 1978. Hispanio komencis la laboron pri ĝi. Laŭdon ni legis por la T.K.-kuriero! La sugestojn oni pritraktu en la T.K.-kunveno.

**101. Diversaĵoj.**

| | |
|---|---|
| Belgio: | komuna printempa kunveno kun FFEA en Blankenberge, 140 partoprenintoj, ankaŭ eksterlandaj gastoj. |
| Hispanio: | skisemajno en La Molina, 46 gepartoprenintoj. La estraro de HEFA atentigas pri la politikaj ŝanĝoj en Hispanio kiuj verŝajne ankaŭ influos (favore) la pozicion de la internacia lingvo. |
| Hungario: | fervojistan landan renkonton en Szeged partoprenis 160 personoj inter kiuj eksterlandaj gastoj. |
| Italio: | — imponan Esperanto-ekzpozicion organizis la grupo en Venecio en la stacidomo Santa Lucia.<br>— d-ro Menabene sukcesplene laboras por Esperanto en la sindikata kaj politika kampoj kaj tiel laboras por la preparo de la 30a IFEF-kongreso en Romo. |
| Japanio: | estas feliĉa pro la vizito de hungara fervojisto al diversaj grupoj. |
| Norvegio: | preparas fervojistan festivalon en Hamar. |
| Svedio: | la agado dum la jaro 1976 estis unue dediĉita al la IFEF-kongreso en Skelleftea; oni povis konstati grandan intereson de regionaj presaro, radio ktp. |
| Svislando: | la 17a feriosemajno okazis en Magliaso, partoprenis 76 personoj. |

Kaj ĉi tie mi finas mian resumadon el 15 jarraportoj. Eble superflue ke mi diras tion: mi nur raportis pri tiuj landoj kiuj ensendis siajn raportojn. Mi bedaŭras ke denove ne ĉiuj landaj asocioj plenumis la devon fari kaj ensendi jarraporton kaj eĉ ne prenas la penon senkulpigi sin!

La raportintojn mi ege dankas pro ilia laboro kaj mi esperas ke ilia laboro ne estis senutila.

Amsterdam, aprilo 1977.
la kompilinto: W.L. van Leeuwen.

# KUNSIDOJ DE LA TERMINARA KOMISIONO

Ekstrakto el la protokolo pri la TK-kunsidoj la 16an kaj 18an de majo 1977 en Swanwick.

La gvidanto de la Komisiono, inĝ. Ludoviko Sekereŝ, prezentis skriban kongresraporton verkitan laŭ la tagordo publikigita en IF n-ro 1/1977. Li konstatis, ke preskaŭ neniu el la kunlaborantoj plenumis la pasintjaran decidon sendi rekte al li sian kontribuon al demando 28 de la IFEF-jarraporta demandaro.

La **tradukado de la UIC-leksikono,** dua eldono (1965), estis ĉeftemo. Oni konstatis la atingitajn progresojn dum la pasinta jaro kaj fiksis la taskojn farendajn ĝis la venonta kongreso: verki bazajn foliojn pri la literoj M, R kaj S; recenzi la literon P kaj resumi la recenzojn pri la literoj F, G kaj T.

La transiro de la dua al la tria eldono de la UIC-leksikono, aperinta pasintjare, montriĝis tro malfacila kaj tempoperda, sed oni decidis elekti post traduko de la bazaj folioj konsiderindan kvanton da "kadukaj" terminoj, precipe tiuj, kiuj ne plu troviĝas en la tria eldono, kaj oni ne plu traktos ilin.

**Terminareto** en Esperanto kaj nacia lingvo nun en Francujo estas en preparo, Hispanio volas stagnigi la komencitajn preparojn favore al la komuna traduklaboro pri la UIC-leksikono.

La Komisiono malrekomendas en la nuna stadio la esperantigon de **internaciaj konvencioj.** Favore oni sin esprimis pri la traktado de tutaj **terminofamilioj** anstataŭ de unuopaj terminoj.

El pasintjare proponita "Laborskemo" kvaropo da kunlaborantoj kreis **"Tradukprogramon"** ĉiujare ĝisdatigotan.

Laŭbezone aperu en estonteco la **Terminara Kuriero,** pasintjare iniciatita de Dieter Hartig, Germanio. Ĝi estu libera tribuno por ĉiuj terminaraj kunlaborantoj, ĝi instigu al traduklaboroj kaj informu pri ili. IFEF enbudĝetigu sumon por kovri paperkostojn kaj afrankon (akceptite dum la plenkunsido).

Disputo senrezulta okazis pri la demando, ĉu la **"Agadregularo"** 1973 en Aarhus estis bonorde akceptita kaj sekve valida aŭ ne, kaj ĉu eblas trakti kontraŭproponon "Laborprogramo" de Harry Bengtsson, Svedio, aŭ ĉu nur eblas trakti ŝanĝproponojn al la Agadregularo. Konstatante ke la Regularo por la TK (paĝo 36, n-ro 9) uzas eĉ trian nocion, nome "Laborplano" de la Komisiono, oni fine flankenmetis la problemon nesolvitan.

Sukcesaj **interkongresaj renkontiĝoj** de terminaristoj okazis en Budapeŝto (novembro 1976) kaj en Amsterdamo (marto 1977). Por la venonta jaro jam estas novaj proponoj, sed ankaŭ komuna tuttaga kunesto unu tagon antaŭ la kongreso en la kongresurbo estus ebleco. Per la Terminara Kuriero oni enketos, kiam la diskutendaj dubaj terminoj (el la literoj I, J, K, L) estos konataj.

Laŭregulare necesis **elekti gvidanton kaj sekretarion.** Per granda voĉplimulto oni reelektis inĝ. Ludoviko Sekereŝ gvidanton kaj oni elektis Gernot Ritterspach sekretarion (kiu ankaŭ protokolis) anstataŭ Jovan Ladjević, Jugoslavio. Dieter Hartig daŭrigos redakti la Terminaran Kurieron. Dum la plenkunsido la Komitato konfirmis la elektojn.

Ritterspach.




*Transportado de karbo per trajno en 1825.*

## DIVERSAJ

## INFORMOJ



**Korekto de la Redaktora Raporto en IF 2/77 p. 23.**

La dua alineo devas teksti:
"Alia malfacilaĵo estis la dissendado de la bulteno; kelkaj sekcioj plendis, ke ili ne bonorde ricevis la pakaĵojn. Ĉar la laboro estas farita en Nederlando, la respondeculo de la tiea ekipo sin esprimis pri tio:
"Dum la jaro 1976 la ekspedon de IF prizorgis grupo de Esperantistoj el Rotterdam".
La cetera teksto restas.

### NEDERLANDO

Dum la lasta jarkunveno de la nederlanda sekcio de FISAIC: BSSO ĉi tiu asocio decidis, laŭ propono de la prezidanto, distingi la prezidanton de FERN, k-gon Labordus, per la arĝenta insigno de la asocio. Kelkajn semajnojn poste la prezidanto de BSSO., s-ro Caris, transdonis ĉi tiun insignon en la ĉeesto de kelkaj estraranoj de ambaŭ asocioj.
S-ro Caris akcentis ke k-go Labordus dum pli ol 25 jaroj multe laboris por la bon-farto de FERN kaj ek de la fondo de BSSO li tutkore kunlaboris en tiu asocio. Li ĉeestis multajn jarkunvenojn kaj ĉiam pozitive kontribuis al la komunuma celo. S-ro Caris ege bedaŭris ke k-go Labordus post nelonge eksiĝos kiel prezidanto de FERN.
Ankaŭ la IFEF-estraro tutkore gratulas nian k-gon Labordus per la distingo.

Vicprezidanto.

## BONVOLU NOTI:

Ni atentigas niajn legantojn, ke la sekretariino de IFEF kaj ekssekretariino de GEFA, s-ino Elfriede Kruse, emeritiĝas la 31an de julio 1977.
Korespondaĵojn bonvolu nun ekskluzive sendi al ŝia hejma adreso: Wiener Strasse 121, D-6000 Frankfurt/Main 70. Ne plu uzu la deĵoran poŝton.

## ŜANĜO DE ADRESO:

Bonvolu observi, ke s-ro Jaromír Řebíček ŝanĝis la loĝejon. La adreso post la 1a de aprilo estas la jena:

Inĝ. Jaromír Řebíček,
Žižkov II, ĉp. 127h,
CS-580 01 Havlíčkuv Brod

## ANONCETOJ

Mi volas aĉeti bonstatajn vortarojn pri fervojaj fakaj terminoj. Ĉu iuj el la legantoj povus helpi min? T.R. WATTS, 17 High Street, St. Peter's Broadstairs, BRITIO.

Por kompletigi mian kolekton de Internacia Fervojisto, mi bezonas malnovajn ekzemplerojn de la revuo. Kiu povas helpi min?
R. MOLERA, Tra. Joaquina 13, MOYA (Barcelona), Hispanio.



## FERVOJISTA KORESPONDA SERVO

Helpos vin trovi, laŭ viaj deziroj, korespondantojn. Ĉiu korespondemulo rajtas senpage enskribiĝi. Skribu senprokraste al: F.K.S., 76, rue Bataille 69008 LYON, FRANCIO.

## KALENDARO DE JARKUNVENOJ

**ITALIO:** 3 - 10 de septembro.
48a Itala Kongreso de Esperanto, en kies kadro okazos jarkunveno de IFEA en CAMPOBASSO. Informoj ĉe: Ufficio Privinciale del Turismo, I 93425 - CAMPOBASSO.

**BELGIO-NEDERLANDO:** 24 - 25 de septembro.
Komuna ĝenerala Jarkunveno BEFA/FERN en la kastelo ZELLAAR - BONHEIDEN (Meĥeleno).

**FRANCIO:** 1 - 2 de oktobro.
Jarkunveno de FFEA en LA GRANDE MOTTE (apud MONTPELLIER).

**GERMANIO:** 8 - 9 de oktobro.
Jarkunveno de GEFA en SAARBRÜCKEN.

**AŬSTRIO:** 15 - 16 de oktobro.
Jarkunveno en LINZ.

**19-a IFES**

Ĝi okazos la 11 - 18 de februaro 1978 en GRAINAU, ĉe GARMISCH- PARTENKIRCHEN en GERMANIO.

Restad-kostoj por 7 tagoj en Kategorio 1 estas 196 G.M.; Kategorio 2: 203 G.M.; Kategorio 3: 242 G.M. Limdato por aliĝo estas la 31.12.1977. Sendu aliĝilon kaj rezervejan sumon al s-ino Elfriede KRUSE, Wienerstrasse 121, D-6000 FRANKFURT/Main 70, Germanio. Postĉekkonto Frankfurt/M 198017-602.

**62-a Universala Kongreso en REJKJAVIK (Islando)**

De la 30.7. ĝis la 6.8. 1977 - adreso de la LKK: Pósthólf 1081 - Rejkjavik. Dum la kongreso okazos speciala kunveno pri faka agado, dum kiu oni pridiskutos la eblecon de pli efika kunlaboro de la fakaj asocioj inter si kaj kun UEA aŭ landaj asocioj.



## GRAVAJ ENHAVAĴOJ


| | paĝo |
|---|---|
| **Rezolucio de la 29a IFEF-kongreso** | **34** |
| **Publika plenkunsido. Estraro/Komitato** | **35** |
| **Resumo pri la Jarraportoj** | **43** |
| **Kunsidoj de la Terminara Komisiono** | **46** |
| **Jarkunvenoj** | **48** |


**La venonta numero de IF aperos meze de aŭgusto 1977.**

Grafika kaj teknika prizorgo: *Grafika Studio Nevan,* Rotterdam.